# ESPERANTO EN AFRIKO



Numero 11
(2009: 3)

Bulteno de la
Afrika Komisiono de UEA


*Karaj gelegantoj,*

*La UK 2009 ĵus okazis kaj denove sen afrikanoj, kiuj petis vizon. Pli kaj pli fermiĝas la pordo de Eŭropo por malhelpi afrikanojn kiuj deziras partopreni en iu ajn Esperanto-aranĝo en la okcidenta mondo. La movado tamen enradikiĝas en Afriko: eventoj ĉiuspecaj okazas, ĉu en Burundo, ĉu en Kongo, ĉu en Benino ktp. Post okazo de ILEI-seminario en okcidenta Afriko, venis la vico de la centra kaj orienta regionoj. Per tiu ĉi numero vi denove informiĝos ne nur pri okazintaĵoj Esperantaj, sed ankaŭ pri vidpunkto kaj sinteno de afrikanoj pri Esperanto. Vi legos ankaŭ pri agadoj de eksterafrikanoj kaj eŭropanoj kiuj agadas ne nur por la movado en Afriko, sed ankaŭ por la bonfarto de infanoj en mizera situacio. Ekde tiu ĉi numero afrikanoj esprimos sian rilaton kun la internacia kaj neŭtrala lingvo. Agrablan legadon!*

*La redaktantaro*

***

## AFRIKO KAJ UK 2009




La UK 2009 en Bjalistoko estis mia tutunua kongreso, en kiu mi partoprenis dum mia dudekjara Esperanta agado. Komparon mi ankoraŭ ne rajtas fari, ĉar neniun alian mi antaŭe partoprenis. Sed, ĝi certe restos la plej grava, ĉar mi eniris la Komitaton de UEA kiel C-komitatano. Eble por aliaj afrikanoj, jen venas tempo por okazigi ian miraklon. La miraklo certe ne okazos, sed mi faros mian eblon por ke en Afriko estu pli kaj pli efikaj funkciantaj landaj asocioj,

t.e asocioj, kiuj vere prizorgas sian membraron, alivorte asocioj kies estraro estu vere je la servo de la membroj, ne inverse. Nur kiam ni sukcesos funkciigi landan asocion, ni povos permesi al ni kampanji por iam okazigi UK-on en Afriko. Kompreneble, tio postulas efikan kunordigadon de ĉiuj talentoj, homfortoj ktp. Ĉie en Afriko estas homoj kapablaj aranĝi UK-on, sed dise ili preskaŭ neniam sukcesos ion tian fari. La plej granda defio restas kiel kunigi tiujn talentojn. Estas klare, ke UK neniam okazos en Afriko, se afrikanoj mem ne konscias, ke ili unue devu meriti tion. Ĝis nun, multaj el ni daŭre kredas je Sankta Nikolao, kiu iun matenon metos je nia nazo la eblon okazigi UK-on. Por ke io tia okazu post kvar aŭ kvin jaroj, ni devu ekde nun kunigi niajn fortojn kaj talentojn.
La UK 2009 permesis al mi iom konsciiĝi pri kondiĉoj por aranĝi UK-on. Tian okazon ni devas doni al multaj aliaj afrikanoj. Por ke homoj sciu pri Afriko dum UK, necesas, ke estu budo funkcianta. Ofte nur eŭropanoj prizorgas tion. Estas nun tempo, ke afrikanoj kiuj intencas partopreni en UK antaŭe pensu pri preparado kaj deĵorado ĉe la budo. Tiel, eventualaj mecenatoj iom scios pri kiel iliaj donacoj estas uzataj. La afrika budo dum la UK 2009 ricevis multajn vizitojn. Mi esperas, ke tio instigos niajn mecenatojn daŭre helpi pri la evoluo de la afrika agado.

*Jean Codjo (membro de la Afrika Komisiono)*

## AFRIKO DENOVE ILEI-UMIS

**ILEI-seminario en Kongo DR**

Dum sep tagoj en nia lando, dank' al vizito al Kinŝaso de s-ro Radojica Petrović kaj Xosé Conde el la teamo de la instruprojekto “Flugiloj de Malfacila Vento”, gesamideanoj diverslokaj povis atente sekvi Esperantan seminarion en kiu ili multon lernis kaj profite altigis sian lingvan scipovon. Sabaton la 4-an de julio okazis grandetosa malfermo tago kun la ĉeesto de la rektoro de la Nacia Pedagogia Universitato UPN kaj aliaj gravuloj. Muzikadis Esperanta muzikgrupo de la universitato, gvidata de s-ro Rock Tamba. Venis el Lukala la pioniro de la Esperanto-movado en nia lando, s-ro Antoine Samuel Ngangu, kaj kvar aliaj lukalanoj. El Matadio venis du aliaj samideanoj, Eddy Sava kaj Jeremie Nzila. La aliaj partoprenantoj estas ĉiuj kinŝasanoj.

Oni havis du malsamajn klasojn: por komencantoj kaj por progresantoj.

Partoprenis 25 komencantoj kaj 15 progresantoj kiuj entuziasme lernis la lingvon. Ambaŭ instruistoj sinsekve instruis. La instruado kaj la uzitaj metodoj estis tiel klaraj kaj simplaj, ke ĉiuj facile komprenis. Oni lernis pri:

1. gramatiko: vortfarado, transitiveco de verboj, akuzativo, participoj, refleksivo;

2. metodiko: kion kaj kiel instrui, historio kaj trajtoj de instrumetodoj, lecionpartoj, lecionplano, provleciono.

Muzikadis dum la ĉiutagaj paŭzoj Junior Ngangu, movada muzikisto. En la lasta tago okazis ekzameno, kaj dum la fermo studentoj plezure ricevis de s-ro Petrović atestilojn en la ĉeesto de la rektoro, kiu esprimis sian varman deziron, ke Esperanto estu instruata ĉe la klerula fako de la Nacia Pedagogia Universitato. En tiu ekzameno distingiĝis s-roj Junior Ngangu kaj Joseph Landu. Multaj studentoj de la priparolita universitato ĉeestis kaj estis tre kontentaj aŭdi nekonatan lingvon parolatan tre bele.

Diversaj paroladoj estis faritaj de: Martin Cooper Lofemba, la gastiganto Victor Lufimpu Lukolama, la reprezentanto de la komunumestro, kaj Petrović. Estis starigita tripersona estraro de ILEI-sekcio de nia lando:

1. s-ro Victor Lufimpu Lukolama, sekciestro;
2. s-ro Junior Ngangu Bakidila, sekretario;
3. s-ino Liliane Kandolo, kasistino.

Pli ol 37 aliaj personoj membriĝis. La elektan kunsidon gvidis Junior Ngangu kaj protokolis Eddy Sava.

Ĉiuj partoprenantoj deziris kaj deziras, ke tia evento okazu eĉ du aŭ trifoje jare por la interpraktikado de la lingvo.

*Junior Habib Ngangu (sekretario, ILEI-sekcio de Kongo DR)*

## AGADE TRA AFRIKO

- **Eĥoj el Angolo**

La 4-an de julio 2009 Angola Esperanto-Asocio (AngEA) okazigis ekstraordinaran kunsidon en Luando. La Prezidanto Kinkani Ferdinand komencis sian mesaĝon kun salutvortoj kaj prezentis tagordon kun ses punktoj: (1) legado de la raporto de la pasinta kunsido; (2) aliĝo de AngEA al UEA; (3) projekto Sankta Espero (poemaro de Antonio Agostinho Neto); (4) la delegacio kiu partoprenos la Universalan Kongreson; (5) malfermo de konto ĉe BIC-banko; (6) diversaĵoj.

Pri (1): La raporto pri la antaŭa kunveno estas legita.

Pri (2): La nombro postulata por esti akceptata kiel landa asocio de UEA jam estas atingita.

Pri (3): Pri la poemara projekto Sankta Espero, la laboro antaŭeniras laŭ la raporto de la presisto. Pri la monrimedoj, AngEA jam pagis la duonon de la prezo. Restas la alia duono, kiu estos pagebla je la fino de la laboro.

Pri (4): Jam dek personoj pretas membri en la delegacio kiu partoprenos en la UK; kvin disponigas la flugbiletojn. La aliĝkotizo estas sendota al la Centra Oficejo de UEA per la banko BIC.

Pri (5): Ni devas malfermi la konton. La instanco postulas 200 usonajn dolarojn. Tial, AngEA disponigis tri membrojn kiuj devas okupiĝi (administri) pri tiu konto.Temas pri la prezidanto, la vic-prezidanto kaj la sekretario. La referencita konto estos baldaŭ malfermita.

Pri (6):
– Ni devas pliigi la propagandon per informiloj.
– La Esperanto-kurso daŭras kaj novuloj ĉiam alvenas al la kristana kolegio "Papa Vosi" apud la vendejo de Palanka por lerni.
– La poemaro *Sankta espero* devas ankaŭ esti eksponata dum la datreveno de la nacia heroo Antonio Agostinho Neto, la 17-an de septembro 2009 en Luando.
– La nomo de s-ro Faria de Bastos aperis en Jarlibro 2009 de UEA kiel observanto en ĝia Komitato; per telefono ni rendevuis kun li, tiel ni renkontiĝos post kelkaj tagoj.
– T-ĉemizoj: AngEA devas kontribui al fabrikado de 40 t-ĉemizoj kun la simbolo de AngEA kaj la flago de Angolo.

*M. Michel Dialundama*

- **Estrara renovigo en Benino**

Sabaton la 27-an de junio 2009 Asocio de Beninaj Esperantistoj (ABeE) okazigis sian longe antaŭviditan ĝeneralan asembleon en la kvartalo Dekoungbe Carrefour de la ĉefurbo Cotonou, sine de la Afrika Centro pri Teologiaj Esploroj (*Centre Africain de Recherches Théologiques*). El la 19 kluboj kaj dependaj strukturoj invititaj ĉeestis 16 kun po unu reprezentanto: klubo Sankta Harmonio, Ayahohou; klubo Monda Familio, Azove; klubo Nova Sento, Hondjin; klubo Rondo Familia de Orfejo Nabouba, Lokossa; klubo Egaleco, Kodji; klubo EJEA, Adohoun; klubo Nova Mondo, Sedje-Lokossa; klubo Frateco, Lokossa; Verda Familio,Agame; klubo Verdaj Geamikoj, Cotonou; klubo Bonvolo, Universitato de Abomey-Calavi; klubo Arigbo, Glazou; Esperanta klubo de Ŝtata Mezlernejo de Dedekpoe; Esperanta klubo de la Tria Ŝtata Mezlernejo de Lokossa; Esperanta klubo de la Dua Ŝtata Mezlernejo de Klouekanme; Junulara Sekcio (BOJE), Cotonou. La kluboj Pacaj Metiistoj kaj Nia Mondo, kaj la benina ILEI-sekcio, ĉiuj el Lokossa, ne sendis reprezentantojn.

Tiu ĉi grava evento, historia kaj por Esperanto en Benino kaj por la beninaj esperantistoj, estis omaĝe honorata de la ĉeesto de kelkaj eminentaj invititaj esperantistoj, nome Privas Tchipke (la unua esperantisto de Benino), Sebastien Essou (reprezentanto de Benino ĉe la Afrika Konsilantaro) kaj Charles Alofa (kunordiganto de la Afrika Komisiono), kiuj estis la unuaj pioniroj pri la movado en la lando. Aldoniĝis 11 aliaj esperantistoj de diversaj kluboj, kiuj venis proprakoste kiel observantoj ĉar tia aranĝo estas okazo por konatiĝi unu kun la alia. Do, entute estis 29 partoprenantoj.

Laŭprograme la evento devis komenciĝi je 9h45, sed pro minanco de pluvo ĝi komenciĝis je 11h15. Ĝi malfermiĝis per varmiga salutmesaĝo de la asocia prezidanto, nome Latifou Gbadamassi, prelego kiu hele finiĝis per kortuŝa aplaŭdo fare de la ĉeestantaro. Viciĝis agadraportoj pri la aktivecoj plenumitaj dum la periodjaroj 2006, 2007 kaj 2008, kaj jam en 2009. Poste sekvis prezento de la financaj raportoj fare de la landa kasisto sub la kupolo de Pierre Houenavo, kaj ĉe la fino surprizaperis sinjoro Jean Codjo el Kanado, je kio la tuta salono plivarmiĝis per debatoj kiuj kirliĝis sine de la ĉeestantaro tien kaj reen ĉirkaŭ la ĵusa novgasto. Stimule kaj vigle li sukcesis respondi al la respondindaj demandpetintoj, kaj estis rekompencita per varma aplaŭdo. Poste venis la tempo por paŭzi kaj tagmanĝi, kaj tridek minutoj estis dediĉitaj al plenigo de la ventro per rizo akompanata de fritita fiŝo kaj trinkaĵo.

La mandato de la estinta ABeE-estraro finiĝis la 27-an de aprilo 2008, tamen ĝi laboris ĝis 2009. Post la manĝo la estinta estraro prezentis sian demisian eks-estraraniĝon antaŭ la honora kaj lojala ĉeestantaro. Tiam aktiviĝis balota komitato konsistanta el la tri membroj Sebastien Essou, Charles Alofa kaj Francis Agbenou, kiu ekzekutive, digne kaj demokratie kontrolis la elekton de nova estraro.

Unue, la komitato kontrolis la fizikan ĉeeston de ĉiuj oficialaj reprezentantoj (entute 18) kaj elektis sekretan (surpaperan) voĉdonadon. Ĉiu elektanto devis nepre esti reprezentanto de iu klubo. La observantoj dume devis eliri el la balotejo, ĉar ili ne rajtis voĉdoni. Do venis la ruĝa tikla tempo, dum kiu ĉiu devis atenti sian laŭvolan elekton de prezidanto, sekretario, vicsekretario, kasisto kaj organizanto.

Unue, la balota komitato petis sinproponantojn por la posteno de prezidanto. El la ĉeestantaro neniu prezentiĝis krom s-ro Latifou Gbadamassi, kiu esprimis sin preta reeokupi tiun postenon. Laŭ interkonsento de la ĉeestantaro sekreta baloto estis farita, kaj la rezulto montris ke centprocente li estas reelektita;akompanate de varma aplaŭdo, la komitato deklaris lin reelektita kiel prezidanto de la asocio.



Jen la detaloj:

– prezidanto: Latifou Gbadamassi: 18 voĉoj (ĉiuj el 18 voĉdonantoj);
– ĝenerala sekretario: Joseph Tchokpodo: 18 voĉoj;
– vicsekretario: Eugene Tchoume: 10 voĉoj;
– kasisto: Pierre Houenavo: 18 voĉoj;
– organizanto: Kodjo Amouzou: 16 voĉoj.

Poste estis elektitaj kiel membroj de la dupersona financa kontrolkomisiono:

– Mechak Ezin kiel 1-a kontrolisto kun 10 voĉoj (denove kun 18 voĉdonantoj);
– Sebastien Essou kiel 2- a kontrolisto kun 10 voĉoj.

Ne mankis sekve dankvortoj s-ro Gbadamassi, prezidanto de la novelektita estraro.

*Francis Agbenou*

- **Nacia E-kongreso en Burundo**

La burunda kongreso daŭris de vendredo la 10-a ĝis dimanĉo la 12-a de julio 2009 en Lycée Rumonge, kun 98 partoprenantoj el Bururi, Bujumbura (urbo kaj kamparo), Bubanza, Kayanza, Muramvya, Makamba kaj Cibitoke, do entute kun 8 provincoj el 17 reprezentitaj en la kongreso.

Laŭ la programo, la kongresanoj devis ekalveni en la kongresejon vendredon ekde la 13-a horo, kun komuna kantado de la Esperanta himno “La Espero” planita por la 15-a horo. Esperantistoj el la nordaj provincoj kaj tiuj de Bujumbura kunveturis en la sama buso ĝis Rumonge, kio permesis al ili fruan alvenon ĉe la kongresejo.

Post la kantado de la himno Jérémie Sabiyumva bonvenigis la kongresanojn nome de LKK kaj prezentis al ili la kongresan programon. Li petis ilin esti respondecaj, unue pri si mem kaj ankaŭ pri la kongresejo, ilia restadejo dum la tri tagoj. Li ankaŭ petis al ili fari ĉion kion ili povas por ke la kongreso estu sukcesega, ĉar la sukceso de la kongreso grandparte dependas ne de LKK sed de la kongresanoj mem.

Japhet Ntunzwenimana, prezidinto de ANEB (*Association Nationale d’Espéranto au Burundi*) oficiale malfermis la kongreson, interalie prezentante al la kongresanoj la atingojn de la estraro dum la lastaj tri jaroj. Li deziris bonan kongresumadon al la partoprenantoj kaj ripete petis ilin profiti la okazon por interkonatiĝi, por priparoli gravajn punktojn por plifortigo de la movado, kaj por helpi al komencantoj plibonigi sian lingvoscion.

La ĉefaj programeroj de la kongreso estis aprobi la ŝanĝon de kelkaj eroj en la statuto, laŭ kiuj la asocia komitato anstataŭos la ĝeneralan asembleon. Laŭ klarigoj, en la statuto oni donis decidpovon al la ĝenerala asembleo, sed praktike ne eblas kunigi ĉiujn anojn de la Asocio por fari decidon. Tio ofte malhelpis la antaŭenigon de la asocio, kaj necesas ŝanĝi tion.

La alia grava programero estis la renovigo de la estraro de ANEB. Laŭ la statuto, la oficperiodo de la estraro estas tri jaroj.

Sabaton okazis voĉdonado por la estraro. Rezulte estis elektita kiel prezidanto Jérémie Sabiyumva el Rumonge, nun loĝanta en Bujumbura; kiel vicprezidanto Eric Nsabiyumva el Cibitoke, nun loĝanta en Bujumbura; kiel sekretario Hasano Ntahonsigaye, loĝanta en Rumonge; kiel vicsekretario Thierry Ndizeye el Kabezi, nun loĝanta en Bujumbura; kiel kasisto Pamphile Bahati, loĝanta en Rumonge; kaj kiel vickasisto Gilbert Ndihokubwayo de Kabezinun, loĝanta en Bujumbura.




Sabiyumva, nome de la nov-elektita estraro, promesis daŭrigi sian laboron kun novaj strategioj: interalie malfermi la asocion al la tuta mondo, kaj plibonigi korespondadon inter burundaj esperantistoj kaj alilandaj esperantistoj. Ĉiu kongresano promesis sian helpon por ke la nova estraro sukcesu.

Estis laŭtlegitaj salutmesaĝoj de Renato Corsetti, kiu en sia belega kaj kuraĝiga letero menciis ke li estas amiko de burundaj esperantistoj. La mesaĝo de Renato Corsetti estis bone ricevita de la kongresanoj, kiuj pere de ĝi sentis sin apud la esperantistaro. Estis ankaŭ mesaĝo de s-ro Liu Zhengkun, komisiito de UEA pri ĝemelaj urboj , projekto en kiu ankaŭ Burundo partoprenas.

Projekto pri Esperanto-centro en Rumonge estis laŭtlegita al la kongresanoj, kaj ili estis petitaj diskonigi ĝin. La projekto estis elpensita de nederlanda esperantisto Johan Derks dum lia vizito en Rumonge, kaj celas kunlaborigi lokajn aktivajn esperantistojn por kontribui al plifortigado de la burunda movado. La Esperanto-centro permesos al la lokaj esperantistoj regule renkontiĝi, kaj ĝi gastigos la oficejon de ANEB. En ĝi estos retkafejo kaj ĉambro por vizitantoj. Por ke ĉi tiu projekto sukcesu, helpo de la esperantistaro estas bezonata.

Okazis dum la kongreso la unua komitatkunsido, dum kiu komitatanoj (nun el 8 provincoj de Burundo; laŭ la nova statuto ĉiu provinco havos almenaŭ unu komitatanon) decidis fondi kaj regule aperigi trimonata revuon *Esperanto en Burundo*, rete kaj papere. La komitatanoj decidis ankaŭ okazigi kunsidon post ĉiuj tri monatoj en malsamaj lokoj, por kuraĝigi lokajn esperantistojn, tie kie okazos la kunsidoj. La venonta komitatkunsido okazos en Bubanza, en oktobro. Viajn gratulmesaĝojn rilate al la fondo de la revuo kaj la nunaj atingoj de la burunda movado vi povas sendi al esperanto.bdi@gmail.com.

*Jérémie Sabiyumva*

- **Serio de aktivecoj en Togolando**

Unuiĝo de Verdaj Amikoj (UVA), loka Esperanto-klubo en la togolanda ĉefurbo, reviglîĝis per serio da aranĝoj, i.a lingvaj kursoj, kuiraj atelieroj kaj turismaj servoj. La ĉeesta kurso arigis komence de julio sep gelernantojn kun mezgrada edukiteco, de la kvina ĝis la sesa vespere ĉiun tagon escepte de la semajnfinaj, kaj ĝi daŭris ĝis la fino de aŭgusto en la rezidejo n-ro 692 ĉe 202 rue de la Fidélité en la kvartalo Tokoin Nukafu.

La kurso okazas sub mia gvido, kaj ĝi konsistas aparte el tekstolegado, gramatiko, konversaciaj ludoj, kaj foje bazaj sciigoj pri la nacia kaj tutmonda Esperanto-historioj. La gelernantoj, kies nomojn vi legos ĉe la fino de ĉi tiu raporteto, estas parte entuziasmaj virinoj kiuj kontentige digestas la lecionojn. Dum la decembra nacia kongreso ĉiuj intencas trapasi diversajn ekzamenojn tiam okazontajn.

Ekster la konversacia kurso, mi gvidas perkorespondajn kursojn por tiuj, kiuj loĝas iom malproksime de la klubejo aŭ kiuj pro ia kialo aŭ alia ne povas partopreni la ĉeestan. Tamen la klubo klopodas direkti tiujn ĉi lastajn al proksimaj Esperanto-kluboj aŭ al instrukapablaj esperantistoj. Estas necese mencii la kazon de Edoh Elom, kiun ni ekrilatigis kun la nuna vicprezidanto de la nacia junulara sekcio por la kontinueco de la laboro.

Krom studsesiojn, ni aranĝas ankaŭ turismajn kaj kuirartajn aktivecojn ligantajn Esperanton al io konkreta (por tiel diri). La klubo disponigas komfortan dulitan dormĉambron kun komuna sed bonaspekta duŝejo al ĉiuj esperantistoj, kiuj petas tranokton. Same, ni de tempo al tempo havigas al tiuj kiuj deziras kelkajn bazajn sciojn pri afrika kaj eŭropa kuirartoj. Lastatempe en tiu ĉi kadro kvar gelernantoj lernis profesie kuiri dekduonon da enlandaj kaj eksterlandaj pladoj.

En la domo funkcias ankaŭ eta biblioteko, kiu servas samperiode kiel kursejo. Tiuj kiuj ŝatas legadon povas tie trovi romanojn kaj legaĵojn same en la franca kiel en Esperanto. La Esperantaj volumoj pligrandiĝis intertempe per la malavara donaco de la franca Esperanto-asocio tra unu el ĝiaj aktivaj membroj – nome s-ino Cash, al kiu ni ankoraŭfoje prezentas dankon. Tiuj, kiuj deziras sekvi la imitindan paŝon de s-ino Cash povas turniĝi al ni per: uvatogo@yahoo.fr aŭ adjevia@yahoo.fr.

Jen sekvas la nomoj de la kursanoj: s-ro Jérôme Adjé, s-ro Agbenyigan Aholou, s-ino Yawa Amegadze, s-ro Elom Edoh, s-ino Amandine Kponon, s-ino Constance Nyamakou, s-ino Abla Augustine Sossou. Vizitantoj: s-ro Moise Sedjro, s-ro Bobo Anani Tengue, s-ro Nyinevi Tete-Badu.

*Adjevi Adje*

## ESPERANTO KAJ AFRIKANOJ: INTERVJUO KAJ SINPREZENTOJ

**Intervujo kun la prezidanto de Asocio de Beninaj Esperantistoj (ABeE)**

Esperanto en Afriko: *Unue ni deziras gratuli vin pro via reelekto kiel prezidanto de ABeE. Tre verŝajne la beninaj esperantistoj daŭre fidas je vi, ĉu?*

Latifou Gbadamassi: Kompreneble.

EoA: *Bonvolu paroli pri via profesia vivo: kian profesion vi havas?*

Latifou: Unue, en la jaro 1996, mi bakalaŭriĝis kaj eniris universitaton en 1996-1997. Tie, mi fake studadis la anglan lingvon dum kvar jaroj. En 2002 mi defendis mian disertacion kaj magistriĝis. En 2004 mi iĝis ŝtata oficisto kaj nun instruas la anglan en mezgradaj lernejoj.




EoA: *Kiam vi eklernis Esperanton? Bonvolu priskribi la cirkonstancojn kaj kialojn ĉirkaŭ via decido lerni la lingvon.*

Latifou: Unue, kiam mi vizitis duagradan lernejon N° 1 en Lokossa, vivantaj lingvoj – precipe la franca, la angla kaj la germana – estis miaj plej ŝatataj lernobjektoj. Mi havis pasion por literaturo. Tiel, mi jam alkutimiĝis korespondi perpoŝte kun eŭropanoj, amerikanoj, azianoj. Al petintoj kaj amikoj, interalie s-ro Jean Codjo, mi kutimis havigi korespondadresojn. S-ro Codjo vizitis la saman lernejon kaj loĝis en la sama kvartalo kiel mi en Lokossa. Iam en 1989 li priparolis ian lingvon nomatan Esperanto kaj invitis min ĝin eklerni, aldonante ke per Esperanto pli facile eblas havi gekorespondantojn. Senhezite mi akceptis, ĉar mi estis lingvema kaj ankaŭ ĉar mi opiniis ke Esperanto estus ilo por pligrandigi mian amikecan rondon kaj malfermus al mi aliajn pordojn estonte. Mi, do, eklernis Esperanton en 1989 per "Cours Hubert Ferez" sub la gvido de s-ro Codjo kaj iĝis membro de la klubo "Pacaj Metiistoj", kies prezidanto li estis. Kune kun aliaj beninaj esperantistoj ni partoprenis diversajn aranĝojn, ĉefe la Duan Afrikan Kongreson en Cotonou en 1991 kaj la Trian en Winneba (Ganao) en 1994.

EoA: *Verŝajne vi estas unu el la pioniroj de la movado en Benino. Kiajn malfacilaĵojn oni alfrontas, kiam oni estas prezidanto de landa asocio kiel tiu en Benino?*

Latifou: La malfacilaĵoj estas multfacetaj. Temas pri malfacilaĵoj rilate al propagando, ĉar ofte mankas propagandiloj; kaj pri malfacilaĵoj rilate al varbado, ĉefe pri kiel konvinki interesiĝantojn aŭ novbakitajn esperantistojn ke Esperanto estas nur komunikilo kiel la franca, la angla, la germana ktp por krei utilajn laborrilatojn kaj korespondrilatojn. Ĝia lernado garantias nek laboron nek monrimedon. Ne mankas malfacilaĵoj rilate al financo por okazigi aranĝojn kaj disponigadi lernilojn al kursanoj.

EoA: *Kiajn perspektivojn la movado en Benino havas sub via gvido?*

Latifou: La unua perspektivo temas pri enkondukado kaj instruado de Esperanto en kluboj en lernejoj. Rajtigilo por tion fari ni jam akiris de la aŭtoritatoj pri edukaj aferoj antaŭ unu jaro. Tiu larĝskala projekto de instruado de Esperanto ekis ĉi-jare en kelkaj lernejoj kaj la landa asocio (ABeE) prizorgos ĝian daŭrigon por kovri pliajn lernejojn helpe de kontribuantoj. La dua perspektivo temas pri aligo de la movado al nia nacia sekcio de Unesko kaj serĉado de apogo de politikistoj.

EoA: *Laŭ vi, kiaj strategioj estas la plej taŭgaj por interesi homojn pri Esperanto, ĉu en Benino, ĉu aliloke en Afriko?*

Latifou: La plej taŭgaj strategioj devus koncerni uzadon de amasinformiloj por fari propagandon kaj klarigi ke oni ne lernas Esperanton por anstataŭigi sian gepatran lingvon.

EoA: *Kara prezidanto, denove ni gratulas vin kaj deziras ĉion bonan por la estonto de la movado en Benino.*

Latifou: Dankon.

**Pastoro Afolaranmi Adebayo Olayinka**



Mia nomo estas Pastoro Adebayo Olayinka Afolaranmi kaj mi loĝas en Ibadan (Niĝerio). Mi estas 38-jara. Esperanton mi eklernis en la jaro 1991, ĉar mi tiam deziris lerni alian lingvon. De tiam mi rimarkis ke pere de tiu lingvo mi rilatas kun multaj homoj el aliaj partoj de la mondo, kiuj komprenas nek mian denaskan joruban lingvon, nek la anglan. Pro tiu rilato kun homoj el diversaj kulturoj mia opinio pri la vivo ŝanĝiĝis. Mi rimarkis, ke la homoj ĝenerale havas multon komunan, sendepende de kie ili devenas.

**Emile Malanda Nianga**



Mi estas 41-jara, kongolandano kaj loĝas en Kinŝaso. Kun Esperanto mi konatiĝis en la jaro 1987, sed eklernis ĝin en 1990 por akiri taŭgan komunikilon por povi interŝanĝi vidpunktojn kun homoj el aliaj kulturoj. Pere de Esperanto mi havas centojn da geamikoj en la mondo, el ĉiuj sociaj tavoloj, interalie profesiaj kaj sciencaj. Mi eĉ povis loĝi ĉe esperantisto en Sud-Afriko kaj viziti malsanulejon. Esperanto multon ŝanĝis en mia ĉiutaga vivo: ĝi igis min pli tolerema al aliaj kulturoj, kaj mi pli facile lernas lingvojn el aliaj landoj. Pro Esperanto mi iĝas aktiva agademulo por la bonfarto de la homaro.

**Sonade Kakpo**



Mi nomiĝas Sonade Kakpo kaj estas 16-jara. Mi loĝas en Koĝi, vilaĝo kie estas Esperanto-lernejo kun la nomo de la belga esperantisto Jules Verstraeten. Mi eklernis Esperanton en la jaro 1999. Tiam ekis la unua lernejo en mia vilaĝo Koĝi. Kiel infano tiam, mi nur sciis, ke Esperanto estas lingvo kiu ebligis konstruadon de lernejo en mia vilaĝo. Do, por mi, dank' al Esperanto mi povis iri al lernejo. Mi nun tre aktivas en la junulara sekcio de la junulara asocio TEJO en mia lando Benino.

## DOSIERO: BENINO – PROJEKTO "NABOUBA"

Jam pasis pli ol unu jaro ekde la unua ILEI-konferenco okazinta en Afriko, konkrete en la benina ĉefurbo Portonovo. Tiu konferenco estis tute nova sperto el la organiza vidpunkto, kaj krome ĝi kontribuis al pli profundaj – laboraj kaj personaj – kontaktoj inter la afrikaj kaj alikontinentaj partoprenintoj. Dank' al tiu aranĝo pluraj el tiuj kontaktoj ekigis kunlaboron kun esperantistoj kaj neesperantistoj kadre de diversaj projektoj. Unu ekzemplo estas la projekto "Nabouba", subtenata interalie de pluraj partoprenintoj de la konferenco.

"Nabouba" estas orfejo troviĝanta proksime de la urbo Lokossa, urbo konata kiel grava centro de la Esperanto-movado en Benino kaj sidejo de la Afrika Oficejo de UEA. La orfejo havas ekde longa tempo kontaktojn kun lokaj esperantistoj, kaj kelkaj pli aĝaj infanoj sekvis kursojn de Esperanto. Dank' al lokaj esperantistoj mi vizitis la orfejon unue mallonge dum la postkonferenca vojaĝo tra la suda parto de Benino kaj poste denove dum mia privata unusemajna restado en la urbo post la komuna vojaĝo, kiam mi instruis Esperanton en pluraj lokaj kluboj kaj donis unutagan kurson en la orfejo por la plej junaj infanoj.

Mi, same kiel aliaj kunvojaĝantoj, estis ŝokita kaj tuŝita de la situacio de la infanoj. En la orfejo ili fartas pli bone ol surstrate kaj kutime ili almenaŭ ricevas bazan edukadon en la urbaj lernejoj, sed krom tio la ĝeneralaj kondiĉoj el mia vidpunkto estas apenaŭ elteneblaj. La domo, en kiu la infanoj dormas, estas ŝiminta, kaj tio certe povas kaŭzi diversajn malsanojn. Mankis mono por ĉiam certigi sufiĉe da manĝaĵoj por ĉiuj kaj foje la pli aĝaj infanoj rezignis pri iuj manĝoj por ke la pli junaj infanoj ne suferu. Mankis mono por pagi al kuracisto, por aĉeti necesajn lernejajn helpilojn kaj simile. La infanoj dormas aŭ surplanke, aŭ sur malnovaj, stinkantaj matracoj (tio tamen estas nur "privilegio" de la plej etaj infanoj). Verdire, kiam mi eniris la ejojn, mi devis multe interne batali por ne tuj ekplori.



En tiu etoso naskiĝis la ideo krei projekton por helpi tiujn infanojn. La praktika subtenado komenciĝis en januaro 2009 kaj konsistas el serĉado de patronoj de infanoj aŭ aliaj subtenantoj, kiuj preferas subteni, regule aŭ neregule, la orfejon ĝenerale, sen distingo de konkretaj infanoj. Subtenataj estas ankaŭ kelkaj infanoj, plej ofte duonorfoj, kiuj loĝas en familioj ekster la orfejo; sed momente ni ŝatus ĉefe serĉi subtenantojn por ĉiuj infanoj loĝantaj rekte en la orfejo por ebligi pli rapidan evoluon de la centro. Mi aŭdis ekde la pasinta jaro pri pluraj similaj projektoj, kiuj koncentriĝas ĝuste je subtenado de infanoj en familioj, kaj mi komprenas la argumenton, ke en familioj la infano ĝenerale pli bone fartas ol en orfejoj; sed mi opinias, ke orfejoj estas bedaŭrinde afrika realeco kaj necesas helpi ankaŭ tiujn infanojn, ĉar ne ĉiu infano povas resti ĉe familio.

Al la kernaj kunlaborantoj apartenas la direktoro de la orfejo, s-ro Félicien Michifan, kaj Charles Alofa, bone konata esperantisto el Cotonou, kiu vizitas la orfejon por kontroli la aktualan situacion, la elspezojn kaj eventuale konsili la direktoron. Mi mem kunordigas la projekton kaj serĉas subtenantojn inter esperantistoj kaj neesperantistoj. Ni tri senĉese kaj tre vigle korespondas. Pluraj subtenantoj estis trovitaj dank' al laboro de aliaj esperantistoj kaj neesperantistoj, kiuj pluinformis siajn geamikojn kaj gekolegojn, interalie dum diversaj aranĝoj. En januaro estis transdonitaj 25 kilogramoj da vestaĵoj, kiujn mi kolektis de miaj neesperantistaj gekolegoj, kaj momente estas patronataj jam 42 infanoj. Ekde januaro 2009 subtenis la projekton jam 70 personoj.

Dum la unua duonjaro ni komencis solvi la plej gravajn problemojn de la orfejo; la unua bona rezulto estas, ke la infanoj ne malsatas kaj estas mono por pagi la necesan medicinan prizorgadon. Kompreneble aperis diversaj problemoj, sed ni provas solvi ilin; cele al tio mi denove vojaĝos al Lokossa komence de januaro 2010. Ekzistas multaj planoj por la estonteco: fine de 2009 aŭ komence de 2010 ni ŝatus komenci renovigadon de la orfejo (de la nuna konstruaĵo, kiu estas en tre malbona stato), eventuale en venontaj jaroj konstruadon de novaj dormejoj. Ni ankaŭ prilaboras mallongajn informojn pri ĉiu infano, kiujn devus ricevi ĉiuj patronoj. Kiam ni solvos la plej gravajn problemojn en la orfejo, ni ŝatus ankaŭ plifortigi la instruadon de Esperanto en la orfejo.

La celo de la projekto "Nabouba" estas unuavice helpi plibonigi la vivsituacion de la tie loĝantaj infanoj. Do, male al kelkaj projektoj organizataj de esperantistoj, la disvastigo de Esperanto ne estas la ĉefa celo. La organiza teamo kaj la subtenantoj estas kaj esperantistoj kaj neesperantistoj, kaj jam la fakto, ke la projekto unue naskiĝis en la Esperanto-medio, povas kontribui al pli pozitiva percepto de Esperanto ekster Esperantujo (ekzemple pluraj neesperantistaj patronoj antaŭe ne aŭdis pri Esperanto kaj nun havas informojn kaj pozitivan opinion pri ĝi). Ni daŭre subtenas la instruadon de Esperanto en la orfejo, sed samtempe ni konscias, ke niaj fortoj kaj rimedoj ĉi-momente estas limigitaj kaj ke necesas labori paŝon post paŝo. Laŭ mi unue gravas, ke la infanoj sufiĉe manĝu, iru al lernejo, havu sufiĉajn vestaĵojn, ŝuojn kaj medikamentojn, dormu en domo sen ŝimo, en litoj kun kovriloj kaj havu akcepteblajn necesejojn. Ni ŝatus, ke minimume la infanoj, kiuj havas esperantistan

patronon, lernu Esperanton je bona nivelo, kaj ni estonte strebos je plifortigo de kursoj en la orfejo, kiuj momente stagnas. Tamen, post tio kion mi persone plurfoje vidis, mi forte kredas, ke en tiu ĉi kazo multe pli gravas agado *per* Esperanto ol *por* Esperanto.

*Vladka Chvátalová*



## NEKROLOGOJ

### Helga Farukuoye



Helga Farukuoye, 67-jaraĝa aktiva esperantistino forpasis la 12-an de julio 2009. Ŝi estis unu el la plej porafrikaj esperantistoj kies koro batas por la bonfarto de la movado en afriko. Ŝi restas kaj restos en la memoro de la tuta Afriko pro siaj senkondiĉaj kaj bonkoraj agadoj. Multaj afrikanoj lernis la lingvon kaj agadis pere de helpo de Helga, kiu sendadis lernolibrojn ĉiuspecajn kaj eĉ plejofte donacis ne nur al la Fondaĵo Afriko, sed ankaŭ al unuopaj esperantistoj. Helga, vi certe eterne kuŝas en multaj afrikaj landoj.

### Henny De Ketelaere

La 26-an de aŭgusto forpasis en sia hejmo Henny De Ketelaere. Henny gvidis perkorespondajn Esperanto-kurosojn por multaj afrikaj franclingvaj esperantistoj. Ŝi devenas el la granda Esperanto-familio De Ketelaere/Jacques/Peeters/Tytgat/Van Damme. Je la nomo de la tuta Afriko, la Afrika Komisiono prezentas sian kondolencon al la familio De Ketelaere.



## LA KURSO *GERDA MALAPERIS* KAJ LA ALIAJ INSTRUILOJ UZATAJ DE LA AFRIKA OFICEJO DE UEA

La Afrika Oficejo de UEA sendas al petantoj la jenajn kursolibrojn:

– unuagrada en la franca: *Cours de langue internationale espéranto*.
– unuagrada en la angla: *The international language Esperanto: A Course*.
– duagrada en la franca: *Gerda malaperis* kun klarigoj en la franca.
– duagrada en la angla: *Gerda malaperis* kun klarigoj en la angla.

Krome la Afrika Oficejo dissendas diskojn kun la prononco de *Gerda* al instruistoj.

Nuntempe sekvas la kurson *Gerda malaperis* proksimume 100 homoj en pluraj afrikaj landoj, ĉefe en la franclingvaj.

Post la kurso *Gerda* la lernantoj devos legi du librojn, unu pri historio de Esperanto en Afriko kaj unu pri instrumetodoj.

Jen la libro pri historio, kiel ĝin prezentas la katalogo de la Libroservo de UEA:

| | |
|---|---|
| Titolo | **Afero de espero** Konciza historio de la Esperanto-movado en Afriko |
| Aŭtoro | **Heidi Goes** |
| Kategorio | **Movado** |
| Prezo | 9.00 €, triona rabato ekde 3 ekz. |
| Eldonloko, jaro | Rotterdam, 2007 |
| Eldoninto | **UEA** |
| Klarigoj | La unua provo de historio de la E-movado sur la nigra kontinento; kovras la periodon de la komenco ĝis la jaroj 1990. |
| ISBN/ISSN | 978929170969 |
| Formato | 86 paĝoj, 21 cm |
| Karakterizoj | Ilus |
| Recenzoj | Recenzoj mankas. **Aldonu** |

Heidi Goes
AFERO DE ESPERO
Konciza historio de la Esperanto-movado en Afriko
UEA

****************************************************************************************

Viajn komentojn, konsilojn, sugestojn kaj raportojn pri okazintaĵoj en via urbo aŭ lando bonvolu sendi al la redakteja adreso: afrika.oficejo@gmail.com aŭ aerpoŝte al:

**Afrika Oficejo, BP. 416 Lokossa-Mono, Benino**
**tel./fakso: +229 224 10 229**

****************************************************************************************